2.ª Ep. AÑO V (162) JULIO-AGOSTO 1967




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# ROTTERDAM KONGRESURBO POR 1967

Kongresejo de la
52 ° Universala Kongreso de Esperanto

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.º ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.

Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko
kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## De secretaría

DONATIVOS PARA «AGADO E3»

| | |
|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... | 625 Ptas. |
| V. Ortiz Gratal, Zaragoza ... | 100 » |
| E. Tudela Flores, Valencia ... | 50 » |
| A. Moya Casado, Madrid ... | 50 » |
| J. Nieto, Zaragoza ... ... ... | 50 » |
| Karolo, Sevilla ... ... ... ... | 25 » |

✠

Desde 16 de julio al 10 de septiembre, la Secretaría de la Federación estará «oficialmente» cerrada, lo que comunico para que no sorprenda si hay retraso en contestar a la correspondencia llegada durante ese tiempo.

*Inés Gastón*

Preferitaj de la sorto estas tiuj kiuj ne respondas la ofendojn ĉar du solaj oreloj se ili estas saĝaj povas lacigi kaj sekigi mil kunajn langojn (se ili estas stultaj). Papini.

## deziras korespondi...

España: Mieres (Asturias), str. Ramón y Cajal, 44. Sro. Jorge Luis Campo deziras korespondantojn en Esperanto por li kaj 10 pluraj esperantistoj ankaŭ el Mieres.

POLLANDO.—Wroclaw. str. Dubois 8-6. Sro. Czeslaw Czarniecki. Deziras korespondi kun esperantisto el nia lando.

POLLANDO. — Gaworno, Slgska 15, S-ro. Bronislaw Olesik, 19- jara, oficisto deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

POLLANDO. — Wrocaw-17, str. Dubois 3, Vroclava Esperanto-Klubo, 400-membra, ĉiumonate aranĝas levervesperon. Multaj el ĝiaj membroj deziras interkorespondi kun esperantistoj el ĉiuj landoj.

POLLANDO. — Katowic-17, ul. Kosmiczna 59/1, S-ro. Spis Marian, 22 jaraĝa teknik-elektrikisto deziras interkorespondi kun hispanaj esperantistoj.

Mendu jam:

- Poŝtkartojn kaj glumarkojn de nia XXVIIIa Kongreso de Esperanto.
- Poŝtk. 2 ptoj. po ekz.; Glumark. 1,50 folieto.
- Poŝtk. la J. I. K—alegorio, 6 ptojn. deko.
- Kovertojn kun la teskto «Esperanto la Lengua Internacional». 5 ptojn deko

# FRATECO



Karaj geesperantistoj, ĉu vi scipovas kion signifas ĉi tiun vorton, tiel uzata nuntempe en la mondo kaj ne ĉiam prave, pro tio ke la homaro tro facile forgesas la ĝustan sencon de «Frateco»?

De post 1908 en nia urbo ekzistas KLUBO menvole tiel nomata de la senlacaj pioniroj fondintaj ĝin. Intence ili elektis tiun dolĉan nomon FRATECO ĉar la difino tiel ampleksa kapablas helpi ĉiun, ĉiam celante la internan ideon de ESPERANTO: «helpi unu la alian», ne rigardante rason, religion, nek tendencojn. Dolĉe nomi fraton al nia malamiko kaj frate doni helpon al ĉiu suferanta homo.

Por ni, geesperantistoj Frateco ĉiam devas esti kiel plej bela devizo. Celante tion, la senlacaj pioniroj de la ekmovado fondinte la Klubon en nia kara urbo tiel fervore kiel sindone, antaŭvidante la estontecon de la MONDO, elektis la belsonan nomon por la Zaragoza Klubo. Ĉu ne ili volis montri al ni ke la penso de nia Maistro Dro. Zamenhof celis «AMO INTER LA HOMARO»? Neniel karaj geesperantistoj ni povas forgesi la ĉefan celon de nia MOVADO.

Antaŭen... For de ni malamon! Forgesu venĝojn! Ĉiam memoru la sopiron de nia Majstro, ni celu amon inter la homaro!

Certe, en la Zaragoza «FRATECO» Esperanta Societo regis ĉiam ĉi tiu devizo de la kreintoj, pro tio la klubo estis kapabla silente elporti la malgajajn tempojn de sufero kaj doloro kaj vivis pace kiel hela radianta stelo de paco, firme starigante la verdan flagon en la plej altan stangon por ke nia lando kaj la mondo estu scianta ke la spirito de Majstro Zamenhof kaj tiu alia de memorindaj fondintoj de FRATECO Esperanta Societo ne povas morti, ke Sroj.

Agustín de MONTAGUD, Emilio GASTON kaj Rafael BENITEZ

Por ni tiel karaj, vivas inter ni tiel vigle kiel ili revis en sia esperanta vivo, ke ni tutkore plenumas la sopiron de ili tri, kiel plej belan devon kaj omaĝo al sia sindonemo.

Del ili tri, ni heredis belan kaj grandan posedaĵon kaj nepre nia devo estas prizorgi la vivon de tiu heredaĵo, vere amata filo de ili.

Ĉu FRATECO Esperanta Societo praktikis la celon de sia nomo? Jes. Mi povas respondi, amplekse kaj sindone kaj speciale dum tiuj momentoj kiam la mondo perdita la pacon estis regata de malamo, venĝo kaj malfrateco. Tiam, FRATECO Esperanta Societo pere de sia fondinto Sro. Emilio GASTON forte esprimis antaŭ la tuta mondo ke ESPERANTO taŭgas, ke ESPERANTISMO estis utile semanta la veran amon sub la verda flago kaj FRATECO ankoraŭ estis vivanta dissendante tra la mondo la ĉi suban skribaĵon.

Bonvolu legi atente ĝian enhavon skribita en la paca lingvo de Dro. Zamenhof, la granda koro celante nur AMON.

## AL LA GEORFOJ PRO LA MILITO

*Nun la homoj batalas.*

*Vi, kiuj suferis perdon de familiano, ploru sed ne malamu.*

*Kiuj batalis kontraŭ viaj patroj, eble mortis kaj lasis orfojn kiujn vi devas rigardi kiel samsuferantojn.*

*Post la milito la tuta homaro ploros. Dezirinde estas ke ĝi ne restu dividita de malbonaj pasioj.*

*Ankaŭ en ĉiuj landoj, en via kaj en ceteraj, estas homoj, kiuj celante homan interkomprenon, etendas sian amon al la homaro tuta. Kaj tiuj homoj, la esperantistoj, volas en la nuna malĝojiga tempo sciigi vin pri sia speciala kondolenca amo al vi, la promilitaj orfoj.*

*Vi kreskos, kaj, dum via kreskado, eble vi bezonos amon, konsilon, helpon. Se vi ne trovas facile ilin, adresu vian peton al la esperantistaro. En ĝi vi ilin trovos.*

*Solena atesto pri tia promeso estas ĉi tiu skribaĵo.*

*Je la jaro de Kristo 1914*

FRATECO Esperanta Societo trovis pere de la senlaca pioniro Sro. Emilio GASTON manieron praktiki en la suferantaj geinfanoj okaze de la mondmilito fratecan helpon por senkulpaj viktimoj je 1914-1919.

Ne forgesu vi karaj geesperantistoj ke FRATECO Esperanta Societo vivas dank' al la spirita sindono kaj boneco de tiuj bonkoraj fondintoj de nia klubo, ke frateco devas ĉiam regi la funkciadon de ĝi kaj laŭ longe de la jaroj kiel plej bona semo de tiuj tri sindonaj koroj, devizo «Frateco» nepre devas esti tiu de la societanoj.

La ekzemplo de tiu letero redaktita per ESPERANTO por mildigi la suferon kaj doloron de niaj gefratoj devas esti plej bona kaj memorinda. Ni devas enmeti en niaj koroj la pacan kaj grandiozan ideon de ĉiama fratamo.

«Ni semas kaj semas, neniam laciĝas
Pri l'tempoj estontaj pensante,
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas
Ni semas kaj semas konstante.»

Pruvo de efika fruktodono de tiu semo, estas ke FRATECO ĉiam havis prestiĝajn homojn en la Societo por regi ĝin.

Precipe mi deziras reliefigi nian nuntempan Prezidanton.

Jen samideano kaj modesta homo, klera, sed neniel vanta, tre konata en la tuta mondo kaŭze de la internacia disvastigo de lia nomo.

DRO. MIGUEL SANCHO IZQUIERDO

Eĉ se ni iomete vundas lin, jen ni prezentas lin al vi.

Li estis Rektoro de la Universitato de Zaragoza kaj je sia emeritiĝo 1960 ricevis la titolon de HONORA REKTORO.

Li apartenas al la «Consejo Superior de Investigaciones Científicas» kaj posedas la grandajn Krucojn de ALFONSO X la Saĝa kaj Civila Merito, honoran Krucon de Sankta Raimundo de Peñafort kaj medalon de Labora Merito. Estas Doktoro «HONORIS CAUSA» de la Universitatoj de Montpellier, Burdeos kaj Navarra, en tiu lasta ankoraŭ li profesoras.

Li esperantiĝis en jaro 1908 okaze de la fondiĝo de FRATECO E. Societo laborante kiel Sekretario. Partoprenis en la Barcelona Kongreso de 1909 kaj persone interkonatiĝis kun nia Majstro Doktoro Zamenhof.

Lastatempe plenforte kaj entuziasme laboras por Esperanto. Ĉeestis en Universalaj Kongresoj. Li estas Komitatano de U. E. A. kaj Prezidanto de H. E. F.

Nun, ĉiuj esperantistoj kiuj deziras esprimi al li sian dankemon pre lia fruktodona agado por Esperanto, havos bonan okazon, partoprenante nian XXVIII Nacian Kongreson en Zaragoza.

Koran Dankon D. Miguel!!!

Feliĉon al Frateco!!!

*María Casasnovas*

## 53ª Universala Kongreso de Esperanto

Okazonta en Madrid de la 3ª ĝis la 10ª, VIII, 1968
Sub la Alta Protektado de Lia Ekscelenca Moŝto
Ĉefgeneralo Franco, Ŝtatestro de Hispanujo

*Konstanta adreso:*

Nieuwe Binnenweg 176 — Poŝtkesto 19039
ROTTERDAM - 2 (Nederlando) — MADRID (Hispanujo)

Noto: En nia mayo-junio numero de Boletin, estas erara la numero de la Poŝtkesto en Madrid, ĝi estas 19039.

# MESAĜO DE LA PREZIDANTO

Pro la tragika evoluo de la eventoj en la Meza Oriento, la Estraro de UEA unuanime konstatis, ke la 52-a Universala Kongreso de Esperanto bedaŭrinde ne povos okazi en Tel-Aviv. Kvankam LKK volus atendi la okazaĵoj ev. ĝis lasta momento, la Estraro opinias, ke ĝi ne povas preni respondecon pri tio. Samtempe ĝi esprimas sian kunsenton al LKK kaj varme dankas pro la, bedaŭrinde vanaj, longaj preparlaboroj. Ankaŭ al la Ŝtatprezidanto, la Alta Protektanto, kaj al ĉiuj israelaj aŭtoritatuloj la Estraro de UEA esprimas sian sinceran bedaŭron. Ĝi esperas tamen, ke en iu proksima jaro U.K. en Israelo povos realiĝi.

En la nova situacio la Estraro decidis per telefona kaj telegrama voĉdono, post interkonsiliĝo kun la Direktorino de la C.O., ke la 52-a Universala Kongreso okazu en Rotterdam de la 2-a ĝis la 9-a de aŭgusto, 1967, do en la samaj tagoj, kiuj estis antaŭviditaj por Tel-Aviv. La programo, fiksitaj tagordoj, diversaj kulturaj kaj distraj aranĝoj estos esence la samaj, sed verŝajne eĉ novaj eroj estos aldonitaj. La Kongreso okazos en la perfekte taŭgaj luksaj salonoj de la ĵus konstruita Koncert- kaj Kongrespalaco De Doelen. La urbaj aŭtoritatoj kaj la turisma servo de Rotterdam donos plenan helpon.

Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj, la Kongreso estos organizita rekte de UEA konforme al la art. 4, lasta alineo, de la Kongresa Regularo. Pro la sama kaŭzo la Estraro decidis escepte longigi la aliĝperiodon ĝis la 15-a de julio laŭ la favoraj kotizoj, validaj fakte nur ĝis la 31-a de marto. Do, por membro-abonanto de UEA: 57,— gld., por ne membroj 77,— gld. Tiuj kiuj, aliĝintaj post 31.3.67 jam pagis la pli altan kotizon, rericevos la diferencon en sia kredito. Ĉiujn detalojn en ligo kun la ŝanĝo de la kongresurbo komunikos la C.O. de UEA en Rotterdam.

En la nomo de la Estraro kaj en mia propra mi turnas min al la tuta esperantistaro kun la plej varma peto doni sian maksimuman apogon al la grandaj streĉoj de la Estraro, de la C.O. kaj de la membraro en Rotterdam organizi imponan Kongreson en nur du monatoj en la tre interesa kaj alloga Rotterdam, kiu estas iusence la ĉefurbo de la neŭtrala Esperanto-Movado. Kompreneble, la aliĝoj faritaj por Tel-Aviv, validas nun por Rotterdam, sed espereble venos amaso da novaj aliĝoj ĝis la 15-a de julio.

La personoj, kiuj pro kiu ajn kaŭzo ne povas ĉeesti la Kongreson, povas tamen helpi per aliĝo laŭ la normala kotizo, aŭ almenaŭ per la t.n. simbola aliĝo, por kiu la kotizo estas nur 25 gld.

Geamikoj tra la mondo!

Montru per amasa apogo vian lojalecon al via UEA; aliĝu multnombre tuj al la Kongreso kaj tiamaniere helpu, ke ĝi estu, kiel kutime, impona manifestacio por la neŭtrala Internacia Lingvo.

*Prof. D-ro Ivo Lapenna*



Homoj kaj faktoj

# Dro. Don Fernando de la Puente Solsona

*Hispanaj esperantistoj havas sian propran katolikan Organizaĵon. Mi kredas ke, bedaŭrinde, Katolika Esperantista Hispana Asocio (KEHA) ne estas sufiĉe konata inter ni.*

*Ĵus pro tio ni faris kelkajn demandojn al ĝia Prezidanto Dro. Don Fernando de la Puente, altprestiĝa esperantisto de Zaragoza.*

—Sro. de la Puente, kiom da membroj havas KEHA nuntempe?

—Kvankam ni fondis KEHA-n jam en la jaro 1949, la evoluo kaj kresko de nia Asocio estis malrapida. Povas esti ke pro tio ke ĝi restis iomete nekonata en la esperantistaj kaj katolikaj medioj de Hispanujo. Poste nia revueto aŭ Bulteno «Katolika Esperantisto», kiu aperis en 1958, kontribuis al la diskono de nia ekzistado. Nuntempe, la nombro de niaj membroj estas proksimume 180 en la tuta lando.

—Ĉu KEHA dependas de alia organizo nacia aŭ internacia?

—Ne. Ĝis nun nia Asocio estas sendependa kaj memstara. Kompreneble niaj rilatoj kun la ceteraj katolikaj esperantistaj asocioj naciaj aŭ internaciaj estis ĉiam frataj. Same estas elkoraj niaj interrilatoj kun H. E. F. kaj kun la veterana zaragoza societo «Frateco».

—Don Fernando, mi komprenas ke la nombro de KEHA-noj ne permesas organizi proprajn kongresojn. Kiamaniere vi solvas tion?

—Ni instigas ĉiujare al niaj membroj partopreni la naciajn kongresojn, organizitajn de H. E. F., en kies kadro, de tempo al tempo, ni havas niajn proprajn kunvenojn. Mi volas tiurilate esprimi publike nian elkoran dankon al la estraroj de HEF, estanta kaj estintaj, pro ilia afableco permesante al ni tion.

—Kiel vi vidas nuntempe la katolikan esperantistan movadon en Hispanujo kaj en la mondo?

—Esperige. En la katolikaj medioj, samkiel en la neŭtralaj, ni trovis delonge miskomprenon, suspektemon, eĉ kelkfoje oni mokis nin. Ni devis batali senĉese kaj lacige por venki tiujn barojn. Feliĉe, iom post iom la ĝenerala sinteno rilate al esperanto ŝanĝiĝis. De ĉiam elstaris en nia kampo vere pioniraj kaj batalemaj pastroj, kiuj bruligis sian vivon por niaj idealoj.

En la internaciaj medioj estas ĝojige kaj esperplene la decido de la nuna Papo, koncesii al esperanto la samajn rajtojn de la ceteraj lingvoj rilate al la Sankta Meso.

—Lasta demando, Sro. de la Puente. Kia estas la tasko de la katolikaj esperantistoj ĝenerale?

—La ĉefa tasko de la katolikaj esperantistoj estas kontribui per ĉiuj niaj fortoj al la monda pacigo. Kompreneble tia tasko estas de la tuta esperantistaro. Ja, la ĉefa kialo de la kreo de esperanto per Zamenhof estis kontribui per tia rimedo al la forigo de kvereloj. «Ĉesu malkompreno pro nekono reciproka». Sed ni estas duoble devigitaj fari tion, kiel esperantistoj kaj kiel katolikoj. Kaj por atingi tion ni devas semi nian komprenemon, nian simpation, nian amon unuvorte, ĉirkaŭ al ni ĉiuj, ĉiam kaj ĉie.

—Mil dankojn, kara Don Fernando, pro viaj interesaj deklaroj.

Kaj nun, karaj legantoj, mankas nur aldoni ke membriĝo al KEHA kostas 50 pesetojn jare (aŭ 100 pesetojn kiel Membro Protektanta).



## Akademio de Esperanto

La Sekretario

KOMUNIKO AL LA GAZETARO

Jus okazis la ĉiutrijara renovigo de triono de la Akademianaro. La elirantaj membroj estis reelektitaj. Krome riĉiĝis la Akademio per jenaj novaj membroj, kiuj eniris postenojn vakantajn pro morto aŭ eksiĝo (S-ro Ossaka):

S-ro Ariste (Estonio), F-ino Boulton (Anglujo), S-roj Ĝuĝev (Bulgario), Mijake (Japanujo), Rossetti (Anglujo), Sonnenfeld (Urugvajo), Tárkony (Hungarujo).

La nuna konsisto de la Akademio estas sekve:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| S-roj | Albault | S-roj | Faulhaber | S-roj | Régulo Pérez |
| | Ariste | | Gregor | | Rosbach |
| | Atanasov | | Ĝuĝev | | Rossetti |
| | Auld | | Haferkorn | | Rotkviĉ |
| | Bernard (Sekret.) | | Hodakowski | | Setälâ |
| | Bokarev | | Jung | | Sevak |
| F-ino | Boulton | | Kalocsay | | Söderberg |
| S-roj | Bugge-Paulsen | | Kawasaki | | Solzbacher |
| | Butler | | Lapenna | | Sonnenfeld |
| | Collinson | | Lippmann | | Stop-Bowitz |
| S-ino | Conterno | | Mijake | | Ssilágyi |
| S-roj | Cseh | | Nakamura | | Tárkony |
| | De Hoog | | Neergaard (Vic-Prez.) | | Vilborg |
| | Domingues | | Pumpr | | Waringhien (Prez.) |
| | Downes | | Rakuŝa | | Wong Kenn |

Krome estis decidita la restarigo de posteno de Korespondanto de la Akademio por la Sekcio Teknika Vortaro kaj elektita por tiu posteno S-ro A. Broise (Francujo).

22. VI. 1967, La Sekretario,
*Roger Bernard*

XXVIIIa HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Zaragoza de la 18a ĝis la 23a de Julio 1967

AKCEPTEJO KAJ KONGRESEJO:
Placo Paraiso - Medicina Fakultato

# STATISTIKO 

La nuntempa homaro ŝatas la statistikon; kaj el ĝiaj informoj lertuloj eltiras kuriozaĵojn.

Jen iuj nombroj eltiritaj el la 1967ª adresaro de nia H. E. F.

Laŭ regionoj, la membroj de nia Federacio estas:

| | *Viroj* | *Virinoj* | *Societoj* | *Sumo* | *%* |
|---|---|---|---|---|---|
| Katalunio ... ... ... ... ... | 233 | 44 | 11 | 288 | 39,2 |
| Valencio ... ... ... ... ... ... | 110 | 9 | 4 | 123 | 16,8 |
| Aragono ... ... ... ... ... ... | 45 | 15 | 1 | 61 | 8,3 |
| Nova Kastilo ... ... ... ... | 50 | 5 | 3 | 58 | 7,8 |
| Vaskujo ... ... ... ... ... ... | 40 | 6 | 4 | 50 | 6,8 |
| Andaluzio ... ... ... ... ... | 27 | 1 | 1 | 29 | 3,7 |
| Kanaria Insularo ... ... ... | 22 | 2 | 1 | 25 | 3,4 |
| Galico ... ... ... ... ... ... ... | 24 | 0 | 0 | 24 | 3,3 |
| Leono ... ... ... ... ... ... ... | 14 | 4 | 2 | 20 | 2,7 |
| Asturujo ... ... ... ... ... ... | 15 | 0 | 0 | 15 | 2,1 |
| Malnova Kastilo ... ... ... | 12 | 2 | 1 | 15 | 2,1 |
| Baleara Insularo ... ... ... | 9 | 0 | 0 | 9 | 1,2 |
| Murzio ... ... ... ... ... ... ... | 5 | 0 | 0 | 5 | 0,7 |
| Ekstremaduro ... ... ... ... | 3 | 0 | 0 | 3 | 0,4 |
| Navarujo ... ... ... ... ... ... | 1 | 1 | 0 | 2 | 0,3 |
| Ceuta ... ... ... ... ... ... ... | 2 | 0 | 0 | 2 | 0,1 |
| Fernando Poo ... ... ... ... | 1 | 0 | 0 | 1 | 0,1 |
| Eksterlando ... ... ... ... ... | 4 | 2 | 0 | 6 | 0,8 |
| Sumo ... ... ... ... | 617 | 91 | 28 | 736 | 100,0 |
| | (89,2%) | (12,0%) | (3,8%) | (100,0%) | |

Aperas du 303; du 1.237 kaj du 1.505.
Plej altan nombron havas la 1882ª (el Vich-Barcelono).
Plej malaltan nombron havas la 3ª (el Valencio).
Plej malnova virino estas la 55ª (Navarino).
Plej nova virino estas la 1867ª (Katalunino).
Plej granda nombro da sinsekvaj malaperintoj estas inter 652 kaj 675.
Plej granda nombro da sinsekvaj aktualaj membroj estas (kompreneble) inter 1816 kaj 1882.
Estus signifa informo koni la daton de aliĝo de ĉiu unua cento (1, 101, 201, k. t. p.).

*Nombremulo*

## NEKROLOGO

La 6-an junio post longa malsano forpasis Sro. Nicolás López en Zaragoza. Al lia familio, speciale al lia filo, nia kara samideano kaj amiko Sro. Nicolás López Escartín, ni esprimas nian plej sinceran kondolencon.

---

Jus ni ricevis sciigon pri forpaso en Valladolid de S-ino. Severina Cantalapiedra, fratino de S-ro. Mariano Cantalapiedra, estrano de H. E. F.

Por ŝia familio kaj speciale por nia kara amiko kaj kunestrarano ni esprimas plej sinceran kondolencon.

Pacan ripozon por ili!!!



# Strofoj pro la morto de L'Patro

Memoru, anim' dormita,
veku la senton atente,
jen la sorto:
pasas la vivo rapide,
vi ne rimarkas, silente
venas morto.

Kiam dezir' realiĝas,
baldaŭ plezuro foriras,
nun doloro;
kian ajn estintan tempon
kiel pli bonan ni miras
en ĉi horo.

Se ni observas nuntempon,
post minuto ĝi forkuras
jen finita;
saĝe konsideri devas
ĉion kio ekmurmuras
jam pasita.

Neniu trompiĝu, pensu:
ĉio kion li atendos
ne pli daŭros
ol tio kion li vidis;
ĝi forpasos kaj li plendos
kaj bedaŭros.

Ĉiu viv' estas rivero
kiu enfluas en maron,
tiel morto,
tien granda kaj malgranda
sinjor' en funebra ĉaro,
sama sorto.

Por tiu de akv' abunda
aŭ de akvo neprofunda
horo sonos;
por ĉiu estos egala,
ĉu li riĉa aŭ batala
ne pli konos.

*El hispana originalo de Jorge Manrique*
*Tradukis: Felikso Díez Mateo*

# Aragono en la Ĥoto kaj la Ĥoto en Aragono



En Aragono ni kalkulis kaj kalkulas ankoraŭ, legion da inspiritaj poetoj, prestiĝaj literaturistoj, eminentaj muzikistoj, admirindaj morrakontantoj, ĉiuj amantoj de la aragona tero, defendantoj de niaj regionaj kantoj kaj dancoj.

La aragona Ĥoto, tiu senkompara popoltrezoro, tiu grandioza spirita valoro, tiu mirinde lirika manifesto, tiu spektakla tutaro,, tiu Ĥoto, tiel nia, kiu regis Aragonon kaj triumfis en Hispanio kaj eksterlande.

Krom la Ĥoto, ekzistas en Aragono belega kaj varia kolekto de matenserenadoj, baloj, dancoj, kantikoj, tonaloj, romancoj, kanzonoj, kristnaskaj kantoj, kiuj kunigos la plej gravajn motivojn por ilin konsideri enhavantajn tiom da tradicio intereso kiom povas havi la Ĥoto. Eĉ sincere mi opinias, ke estas tiuj popolaj elmontroj, kiujn oni devas konsideri kiel la esencan bazon de la aragona folkloro.

Oni diras ke la unuan fojon kiam la Ĥoto ascendis sur la estradojn, estis en la jaro 1820, okaze de la ĉeesto en nia urbo de Ferdinando VII kaj edzino Amalia de Sajonia. La Ĥoto venis al Zaragoza kun la admirindaj artmetiistoj, kreantoj de la subtila arkitektura puntbrodaĵo kiu ornamas nian Aljaferian Kastelon.

Tie ĉi enradikiĝis, la popolo adaptis ĝin, komunikante al ĝi sian spiriton. Dum jarcentoj ĝi estis popola kvankam ne aliris eksteren. Per ĝi la popolo ĝojigis siajn festojn, amuzis siajn amojn, kaj per ĝia optimista ritmo animis sian laboron. Ne pasis al la liniaro de la muzikisto kiel tia Aragona Ĥoto, ĝis la komenco de la XIX jarcento, sed tio ne signifas ke ĝi ne ekzistis antaŭe kaj kun la samaj karakterizaĵoj kiel nuntempe.

La aragona kanto estas antaŭ ĉio, brava, energia, akra, seka, liberita de ĉia voluptemo, speciale en la rondiranta Ĥoto. La kanto de la Ĥoto, almenaŭ en Aragono ne estas malvigla, kvankam en kelkaj stiloj ekzistas sentimentalaj melodiaj nuancoj. Aliflanke, ekzemple, en la Kanariaj Insuloj la Ĥoto enhavas voluptemajn senfortajn kadencojn kaj en

la plej parto de la ne Aragonaj, Hispanaj Ĥotoj oni rimarkas melodiajn tonojn kiuj estas milde interpretataj sen energiaj detaloj. Speciale la Valencia Joto kiu havas definitajn orientajn aŭ sudajn rememorojn kies ne konfuzebla araba stampo estas notinda.

Sed nia Joto ne estas tiel. Laŭ nia opinio ĝi estas la virpova Joto, kaj estas evidenta fakto ĝia malsama efekto kiam oni ĝin interpretas, ĉu de viro, ĉu de virino. La aragonaj kantantinoj ankaŭ havas sian ĉarmon kiam kuraĝaj kaj decidemaj eligas de siaj gorĝoj tion kion la animo sentas, aŭ tion, kio batas en la koro. Pri la danco de la Joto, oni povas esprimi la saman opinion kiel parolante ĝenerale pri folkloro. Ekzistas origino de ĉiuj popolaj dancoj kaj baloj, sed ne estas eble determini ekzakte en multaj kazoj.

Estis necese la paso de jarcentoj por ke la realeco de la Aragona danco estu resumita per tiuj ĉi tri aspektoj perfekte diferencigitaj. Ĥoto de Zaragoza de la centraj distriktoj de nia provinco kaj de Teruel: Saltanta, ĝojplena, vigla Ĥoto, kun alten levitaj brakoj kaj rekte staranta korpo .Kun elbordantaj, rapidmovaj, impetaj, viraj gestoj. Ĥoto de la Malsupra Aragono, kuniĝo de danco kaj baleto, kun paŭzaj lantaj aŭ duonlantaj movoj, elegantaj, trankvilaj, sinjorecaj, kun la ritmaj piedludoj preskaŭ ne levante la krurojn.

La Ĥoto de Alta Aragono kaj la Somontano, milda, sobra, nekomplika: meze inter la impulso de la unua kaj la trankvileco de la alia, kaj ne pro tio, ĝi estas malpli bela kaj interesa.

Kaj se Aragono sen la Ĥoto estus Aragono, kun ĉiuj siaj karakterizaj virtoj kaj difektoj, kvankam mankus tio kio nuntempe popularigas nin, la Ĥoto sen Aragono, ankaŭ estus la Ĥoto, sed ĝi ne atingus esti, tio kio la Ĥoto estas. Tial la Aragona Ĥoto, estas la Ĥoto pro antonomazo. La pleja Ĥoto inter la harmoniaj, admirindaj hispanaj Ĥotoj, kiujn oni kantas, oni dancas aŭ oni muzikludas.

Pro tio, ĝi estas nia, kaj pro tio ni diras: Ke Aragono estas en la Ĥoto.





Kiu ne kantas la Ĥoton
naskiĝinte en Aragon'
aŭ estas denaske muta
aŭ li ne posedas kor'.

La Ĥoto ne estas nur Ĥoto
se el Aragon' estas ĝi,
estas amo, poezio,
hejmlando kaj religi'.

Aragona belulino
movu la korpon graci',
ĉar se ĝin vi ne movadas
mi ja ne dancos kun vi.

Kiel pri la alumetoj
okazas pri la virinoj;
se la kapon ili perdis
utilas jam por nenio.

*Je cent kilometroj de Bilbao, fronte al la fiŝista vilaĝo Bermeo, kie vi povas manĝi la plej bonan merlangon de la mondo, leviĝas majeste la insulo Izaro, similanta al maljuna mara monstro, ĉiam sola, ĉiam oferanta al la ondoj, sian rokan bruston.*

*Kelkaj ruinoj, kelkaj nigraj grotoj, ŝajnas signifi ke iam la roka insulo estis homa loĝejo. Tion konfirmas la...*

# MALNOVA LEGENDO DE IZARO

Antaŭ mil jaroj loĝadis en la insulo blankevestitaj monaĥoj, kiuj, fronte al la maro, oferis sian tutan vivon al la Dia servo.

En la deka jarcento, dum vintra nokto, la frato pordisto kiu sin okupis ricevi ĉiusemajne la manĝaĵojn, kiujn la piaj bermeanoj sendis al la monaĥoj, auskultis angorajn helpokriojn. Teruraj ondegoj batis la rokojn, la vento siblis minacante kaj estis tre danĝere atingi la ŝtuparon kiu descendis ĝis la rando de la akvoj. Post granda peno la pordisto alvenis tien. Antaŭ li, luktante kontraŭ la maro, viro preskaŭ nuda sin tenis al la rokoj per sangantaj fingroj. Kun la tuta korpo kovrita de vundoj, la malfeliĉulo estis savata.

La monaĥoj kuracis lin, korpe kaj spirite, kaj li honteme rakontis sian historion. Kulpa amo al virino, duelo kun la edzo kaj morto de senkulpulo. Poste, fuĝo al la insulo por sin meti sub la protekton de la monaĥejo.

Kaj la religiuloj faris ĉion eblan por ke li forgesu sian kulpan amon. Tie, rigardante la ĉielon, li povus dumvive pentofari kaj pagi sian malbonaĵon.

Jaron pasis. Iun matenon, kiam alvenis al la insulo la remboato, sur kiu la bermeanoj sendis sian almozon al la religiuloj...

Virino nigrevestita venis kun la maristoj. La novico descendis al la haveneto kun la pordisto, por lin helpi, kaj tiam la virino malkovris sian vizaĝon senparole. Estis ŝi! Ŝi, la neniam forgesita amatino! Kaj ĉiuj liaj bonaj intencoj falis teren! Ili parolis, reflamiĝis la malnova amo kaj ili aranĝis renkontiĝon. Ĉiunokte ŝi promenus laŭlonge de la dezerta plaĝo, kun gvidanta lumo ĉe la mano. Li alvenus tien naĝante.

Kaj tiele oni faris. Kiam la lasta brilo de la suno malaperis, li silente forlasis la komunan preĝon kaj descendis la krutajn rokojn ĝis la maro. Kaŝinte la vestojn, li alfrontis la ondojn kaj naĝadis al la malproksima lumeto ampromesanta.

Dum multaj monatoj daŭris la pekaj rendevuoj.

Sed iun tagon, ombro sekvis la virinon. Iu malkovris ŝin sur la nigra plaĝo kaj venĝa klingo trapikis ŝian koron. El ŝia mano, rigida pro la morto, iu prenis la lanternon. Kaj la amanto blinde alvenis al fatala renkonto kun la morto. Jus tie li estis murdata. Ambaŭ korpojn oni ĵetis en la maron, kun pezaj ŝtonoj ligitaj al la koloj.

La blankaj pastroj, hororigitaj, forlasis la lokon kaj elmigris alien. Sed ankoraŭ nun, dum stormaj noktoj de la Kantabrika Maro, vi povas aŭskulti la terurajn lamentojn de la du eterne vagantaj animoj, turmentataj de kruelaj remorsoj senfinaj. Kaj multaj asertas, ke se la norda vento impete sendas sovaĝan ondaron sur la plaĝon kaj rokojn, vi povas vidi du blankajn formojn marŝante unu apud la alia, etendante brakon por preni la manojn. Kaj ili marŝas, marŝas kaj ploras, sed iliaj manoj neniam povos sin tuŝi.

*(El la programo ESPERANTO SUR LA ANTENO, de Radio Bilbao, aŭskultebla ĉiumerkrede, kvin minutojn post la noktomezo. Ondolongo, 212 metrojn - 1412 kilocikloj.)*

# EN SOLECO

*M. de Elezcano*
*Bilbao*

Kun kubuto sur genŭo
Kaj la frunto sur la mano,
Mi sidis iom trista, kun enuo,
Kaj pensis pri l'akompano
De la Muzo, kun influo.

Mi revadis kun avido
La protekton de la Muzo;
—Verki versojn kun libera decido
Mi komencis sen konfuzo,
Sed fiaskis mia fido.

Vagis la pens' mensaŭdace
Kiel ombro en mistero;
Sed kun milda ekvilibro, senlace,
Mi atendis kun espero
La helpon de Muz' laŭplaĉe.

Mia menso en intimo,
Vane serĉis argumenton,
Ĉar beletri kun aproba estimo,
Ja postulas grandatenton
Kaj zorgon pri ritm' kaj rimo.

Pro trankvila grandsilento,
Iĝis l'etoso normala;
Disfluis miaj pensoj en torento
Tra l'esploro ideala,
—Sed ,—oh, nur restis lamento.

—Ho inspira fantazio!
—Penso arda kaj aŭdaca!
—Kiel tristas la kor' sen iluzio
Pro mank' de muziko plaĉa
Por revata poezio!

Surda la Muz', senkompata,
Ne aŭskultis mian ĝemon;
Mi rezignis do —kun senta' delikata—,
Verki vane la poemon
En soleco komencata.

—Ja rezultas tutbanala
Verki versojn sen talento;
—Kelkafoje mia Muz' ne lojala
Altrudas min al la pento
Pro fiasko triviala!



GUJANO ALIĜIS AL UNESKO

Gujano fariĝis la 121-a Ŝtato-Membro de Unesko. Reprezentanto de la Registaro de Gujano subskribis la Statuton de Unesko la 21-an de marto kaj poste transdonis la dokumentojn de akcepto al Foreign Office (eksterlanda ministrejo) en Londono.

LA FRANCA LINGVO PLI LERNATA EN SOVETAJ LERNEJOJ

En la lastaj jaroj rapide kreskis la nombro de infanoj, kiuj lernas la francan lingvon en Soveta Unio. Kvankam la angla restas la plej lernata fremda lingvo, la franca nun staras sur la dua loko egale kun la germana. En la Rusa SSR sole lernas la francan pli ol duona miliono da infanoj, kaj ĉiu kvartalo de Moskvo havas unu lernejon, en kiu la franca estas la instru-lingvo por ĉiuj studobjektoj.

EN BRITUJO: CENTRO POR STUDOJ POR RAS-PERSEKUTO

La ekstermado de hebreoj, slavoj kaj ciganoj fare de la nazioj kaj la grandaj ĉasoj al «sorĉistinoj» dum la 15-a kaj 16-a jarcentoj — jen du el la temoj nun studata jen la nove fondita Centro por Esploroj pri Kolektiva Psikopatologio ĉe la Universitato de Sussex, Britujo. Oni priskribas la laboron tie faratan per la termino «kolektiva psikopatologio», ĉar temas pri persekutaj movadoj, en kiuj homoj, kiuj unuope estas mense normalaj, kolektive kondutas kiel psikomalsanuloj. La direktoro de la Centro estas profesoro Norman Cohn. Li klarigis, ke tiaj psikomalsanaj persekutantoj tipe rigardis siajn viktimojn kiel ne tute homajn. Pro tio ili povis senskrupule persekuti kaj ofte eĉ ekstermi ilin.

La centro en Sussex estas la unua tia en la mondo, sed jam aperis dua centro en Usono, kiu studas ras-malamon. Oni esperas, ke poste estos pluraj interligitaj centroj en diversaj partoj de la mondo.

EN MEKSIKO LA PLEJ GRANDA PIRAMIDO

Ekspedicio sub gvido de S-ro Miguel Messmacher malkovris ĉe Cholula, ĉ. 70 mejlojn (120 km) for de Meksik-urbo, piramidon, kiun oni opinias la plej granda de la mondo. La piramidon —ĉ. 990 futojn (300 m.) larĝa kaj longa, kaj ĉ. 195 futojn (60 m.) alta— ĉirkaŭas kvar pli malgrandaj piramidoj kaj diversaj aliaj konstruaĵoj. Oni opinias, ke la tuto formis ritan centron uzatan kelkajn jarcentojn antaŭ la alveno de la hispanoj. La Meksika Registaro planas evoluigi tie la plej gravan arĥeologian turisman centron de Meksiko.

La Granda Piramido de Gize estas ja pli alta (ĉ. 450 futojn; 140 m.), sed malpli longa kaj larĝa (ĉ. 720 futojn; 220 m.).

MALTRANKVILIGAJ PERSPEKTIVOJ DE LA NUTRO-PROBLEMO

Trideko da elstaraj biologoj el 20 landoj publikigis deklaron, en kiu ili esprimas «seriozan maltrankviliĝon pro la kreskanta diferenco inter la nivelo de nutraĵo-produktado kaj la nivelo necesa por la digno kaj bona kvalito de la homa vivo».

Kunveninte ĉe la Domo de Unesko en Parizo kiel membroj de la Speciala Komitato por la Internacia Biologia Programo, ili avertis jene:

«Teknikaj plibonigoj espereble povos iom redukti la nombron de mortoj pro malsato, sed ili ne alvenos ĝustatempe por eviti multe da sufero kaj la pli daŭrajn efikojn de neadekvata nutro ĉe la junularo de la sekvonta generacio.»

Ili urĝis biologojn de ĉiuj landoj «disponigi siajn servojn por klarigi la realajon de loĝantaraj problemoj».

JAPANA «JUNULARA ŜIPO» TRAVETUROS LA MONDON

Japana «Junulara Ŝipo» faros mondan vojaĝon en 1968. En ĝi troviĝos membroj de ĉiuj junularaj organizaĵoj de Japanujo. La vojaĝon iniciatis la Japana Registaro en ligo kun la celebrado de la Restarigo Meiji.

(Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA.)

## ✳ *Ni legis por vi...*

*«Ĉiuj formoj de la pasivo...» De Henrich Friess, Eldonis la aŭtoro - Germanujo - 1967. 15 paĝoj, ĉ. 21 x 27 cm. multobl.*

Kiel la aŭtoro mem diras, li volas klarigi la «kompleksajn verbofomojn» laŭ plejeble malkomplika maniero, surbaze de la Zamenhofa 6ª regulo.

La analiza provo pri ata-ita, estas rezonado de la tiel skuata polemiko pri la participoj, laŭ la vidpunkto de Henrich Friess. Mi diras laŭ la vidpunkto de... ĉar estas malsamaj vidpunktoj. Li atribuas al la participoj nur tempan karakteron, kaj ne daŭran aŭ agofinan signifon, kaj citas la jenan respondon de Zamenhof:

«Uzu -ata, se la ago estas efektiviĝanta rilate al la koncerna tempo.

Uzu -ita, se la ago efektiviĝis pli frue, ol la koncerna tempo.»

Bone; kaj tio, kion signifas? Ni supozu malfermitan pordon. Ni konstatas...

a) Antaŭ kaj kiam oni aliras por ĝin fermi —la pordo estas fermota.

b) Dum la tempopeco kiam oni movas ĝin por ĝin fermi —le pordo estas fermata.

c Sed, tuj —la pordo estas fermita—. Ĉu, ne?

«Ita komenciĝas tie, kie —ata ĉesas», do, «la agofina signifo de la preterita participo estas lingva fakto, kaj ĝi estas en akordo ankaŭ kun la 6ª paragrafo de la Fundamenta Gramatiko». (Kalocsay —Vojaĝo inter la tempoj— paĝ. 52).

Per tio mi volas diri, ke ne estas eble refuti, ekzemple, la 197 paĝan Gramatikan Studon de la eminenta Kalocsay, per 15 paĝa broŝuro.

Eble, la itistoj ne konvinkos la atistojn, kaj inverse (en ambaŭ flankoj batalas bonegaj gramatikistoj)... kial, do, daŭrigi publike la malagrablan disputadon? Kiel oni iam skribis, «tre ofte, ambaŭ sistemoj postulas la samajn formojn kaj nur en relative malmultaj kazoj ili diverĝas, ne kolizias. Tiam, oni devas klarigi la ĝustan signifon de la frazo, se necese».

Ata-ita ne taŭgas por publika diskutado, ĉar estas afero nur por fakuloj. Pri ĝi oni jam skribis tro. La klopodoj kaj talento eluzitaj pri tiu temo, sufiĉus por kelkaj geniaj kreaĵoj. Kaj ni, la plimulto de la esperantistaro malŝatas la problemon, tial ke, la kompetentuloj ne akordiĝas. Kiam oni skribis... «Hieraŭ en nia urbo estis prezentita la opero X...», ni, la plimulto, pensas ke estis *hieraŭ mem* kiam la opero estis prezentota, prezentata kaj prezentita, ĉar la koncerna tempo —hieraŭ—, dudek kvar horojn, estas tro longa por opera prezentado. Neniel ni pensas ke ĝi okazis antaŭhieraŭ, kaj sekve, ke «hieraŭ *jam* estis prezentita». Se oni skribus... «hieraŭ estis prezentata la opero X», ni same opinius ke «hieraŭ» ĝi estis prezentota, prezentata kaj prezentita... se oni ne aldonus klarigon pri ĝia nefiniteco. Kiam ni deziras ke vi pasigu bonan tagon, ni diras nur: «Bonan tagon», kaj vi ja subkomprenas la ceteron.

Do, ata-ita, por mi, persone, ne estas ĝenerala esperantista problemo, sed, *nur problemo por kompetentaj fakuloj.*

«Ĉiuj formoj de la pasivo», kiel ĉiuj gramatikaj analizoj pri la participoj, ĝis nun legitaj de mi, estas instrua, sed, bedaŭrinde, ĝi falas en la saman senfundan puton.

*J. Devís*

---

*NOVA OFICIALA ESPERANTO-BROŜURO. -- La dana ministerio pri eksterlandaj aferoj eldonis novan broŝuron kun Esperanto-tekstoj kun la titolo "Danio en Bildoj". Ĝi estas senpage ricevebla ĉe ĉiuj danaj ambasadorejoj kaj konsulejoj. Ni sendube ne bezonas substreki la gravecon de eldono de tia oficiala broŝuro. Cetere la broŝuro estas tre bela kaj interesa. Ni tial admonas vin peti la plaĉan novan broŝuron ĉe la plej proksima dana ambasadorejo aŭ konsulejo.*

---

TURKU, Finnlando. — Faldita dukolora turisma informilo en Esperanto pri tiu antikva kaj historia urbo. Vi povas ĝin ricevi senpage ĉe TURUN KAUPUNGIN MATKAILUTOIMISTO, Turku Linnankatu 8 Puh. 15 538.

---

45ª *FOIRO DE PADOVA.* — Faldita broŝuro en Esperanto bele prezentita pri la ĉiu jara Internacia Foiro de Padova, okazinta de la 31 majo ĝis la 13 junio 1967.

---

ARABAJ DIRAĴOJ. — Atribuataj al imamo Ali. Tr. kaj eldonis Hussain M. Al-Amily, Daftardar Bldg., 8th FL. (Apt. 5), Banks' Street, Baghdad, Irako.

La dekokan de l' pasinta monato junio okazis ekskurso al LOYOLA-ZARAUZ-GETARIA aranĝita de la Bilbao'a Esperanto-Grupo kun partopreno de kelkaj estimataj gesamideanoj el SAN SEBASTIAN, inter kiuj ankaŭ ĉeestis juna k. bela Zaragoza fraŭlino bone konata de ni ĉiuj kiel partoprenantino de kelkaj naciaj kongresoj de Esperanto.

Je la 8,15 h. matene ni ekiris el Bilbao, akompanataj kun la ĉiam plezuriga akompanado de SEP membroj de la Muzikistaro «EUSKALDUNA», muzika grupeto kiu estas kvazaŭ filio de la Bilbao'a Esperanto-Grupo.

En EIBAR, ni haltis dum 20-30 minutoj por saluti nian elstaran k. entuziasman samideanon S-ro. ARIZMENDI kun kiu ni priparolis pri lia poresperanta agado en tiu industria gipuzkoa urbo.

Nur kvin minutoj post la antaŭe pripensita horo por alveno, t.e. je la 10,35 h. ni alvenis antaŭ la Sanktejo de LOYOLA. Tie nin atendis jam la antaŭe alvenintaj Donostiaj gesamideanoj k. la entuziasma k. nelacigebla jezuita pastro ADRIAN ZULUETA kiu, speciale por la alveninta esperantistaro, oficis Sanktan Meson ĉe la Kapelo de la Konvertiĝo de Sankta Ignaco de Loyola k. tuj poste elmontris la tutan Sanktejon al la kunvenintaj geesperantistoj.

Intertempe, la Prezidanto k. Voĉdonanto de la Bilbao'a Esperanto-Grupo, kune kun la gemembroj de la «POLIFONICA EUSKALDUNA», vizitis la Radiostacion «RADIO POPULAR DE LOYOLA», kie ili estis bone akceptataj de ties Direktoro k. Teknikisto, jezuitaj pastroj LEKUONA k. AGUIRRE. La «POLIFONICA EUSKALDUNA» gravuris en la studio de la nomita Radiostacio kelkajn muzikverkojn, precipe vaskajn, kiuj estis ege ŝatataj, laŭ niaj scioj, de ĉiuj gipuzkoaj geaŭskultantoj kiuj ordinare aŭskultas tiun Radiostacion. Ankaŭ estis gravurataj la esp. muzikverkojn jam bone konataj de la anaro de la «POLIFONICA EUSKALDUNA».

Tuj poste, pastro LEKUONA, S. J. intervjuis la Prezidanton k. la Voĉdonanton de la Bilbao'a Esperanto-Grupo samideanoj OTAOLA k. BRINGAS, kiuj respondis kiel eble plej bone liajn demandojn.

La gravurado de la pri- por- k. en esperanta programo (ankaŭ oni gravuris saluton EN ESPERANTO, por ĉiuj gipuzkoaj gesamideanoj) okupis tro da tempo, laŭ la aprezado de la fore ĉeestintaj gesamideanoj kiuj, intertempe, vizitis k. rigardis ĉion rigardindan en la Sanktejo de LOYOLA.

Jam iom tro malfrue, ni ekiris al ZARAUZ, akompanataj de la gipuzkoaj gesamideanoj. Bedaŭrinde, ni devis rezigni la pripensitan unuhoran haltadon en ZARAUZ, por ĝenerala banado k. distro. Cetere, je la horo de nia alveno (ĉ. la 14ª posttagmeze) la martajdo estis en tuta pleneco k., pro tio, la strando estis preskaŭ tute malaperinta. Pro tio, ni decidis iri rekte al la tre pitoreska marurbeto GETARIA, naskiĝurbeto de JUAN SEBASTIAN DE ELKANO, unu el la gigantaj gipuzkoaj viroj kiu tiom da famo k. gloro donis al amata patrujo Hispanlando.

Post la vizito al la monumento al la unua ĉirkaŭnaviganto de la Terglobo, ni iris tagmanĝi en unu el la plej pentrindaj lokoj de la Vizkaja Golfo: sur la kajoj de la beleta k. iomete ampleksa rifuĝeja k. fiŝista haveno de GETARIA. Tie, antaŭ rava mara pejzaĝo tial ke la vetero, se ĝenerale bona, ne estis en la plej bonaj kondiĉoj por elrigardado malproksimen, ni tagmanĝis. Kelkaj en la supermara manĝoĉambro de la Getaria Restoracio «KAIA». Aliaj, tuj sube en plena aero k. sub libera ĉielo, rigardante fiŝkaptistojn, sunbanantojn k... sunbanantinojn.

Nun mi devas rimarkigi specialajn gepartoprenantojn: gesinjorojn MUGIKA, tiuj tiel bone klopodis por nia distro posttagmeze. Sinjorinon MUGIKA, ESPERANTE PAROLANTA samideanino, kio ne estas ordinara afero inter la ĉiam grumblantaj k. grumblemaj edzinoj de la malfeliĉaj esperantistaj edzoj. Mi tre ŝatis sian simpatian paroladon k. komprenemon.

Post la tagmanĝo, ni ekpromenis tra la monteto kiu bonege ŝirmas la fiŝitan haveneton GETARIA kontraŭ la furiozanta maro, precipe de okcidente-orienten. Ni promenis tra tiu populare nomata «Muso de Getaria» k. je la 16,30 h. ni povis kun ĝojo k. miro konstati kiel S-ro. MUGIKA eltiras el lia propra 4L aŭtomobilo, tutan radioaparataron k. magnetofonaron: ni povis bone aŭskulti Radion Warszawa k. tuj poste, la gravuritan magnetofonan bendon kiun li men —helpata de sia simpatia edzino— faris pri la esp. programo de la Varsovia Radiostacio en tiu tago. Ankaŭ ni povis aŭskulti nin mem, ĉar S-ro. MUGIKA gravuris la intervjuon kiun ni havis en LOYOLA dum ĝi estis okazanta.

Resumo de la tago: Bone sukcesinta ekskurso. Sufiĉe bela vetero. Sufiĉe multenombra partoprenantaro (63 gebilbaoanoj k. ĉ. 12 gegipuzkoanoj). Ĉi tiu ekskurso lasis en nia animo la deziron ĝin ripeti en venonta jaro k., se eble jam ĉiujare.



## *Sección de libros de Esperanto en la Biblioteca de la Caja de Ahorros de Sabadell*

El día 10 de julio, habrá tenido lugar la entrega de libros de Esperanto para la Biblioteca de la Caja de Ahorros de Sabadell, con la asistencia del Sr. J. H. Punt de Utrecht (Holanda), principal donante de libros de Esperanto para dicha Biblioteca.

Cuando en el mes de octubre, la Directiva de H. E. F. tuvo conocimiento de la creación de esta sección, envió al señor Director de la Obra Cultural de la Caja de Ahorros de Sabadell, don Juan Ripoll, un pequeño lote de libros para dicha sección, y le agradecía la atención y apoyo que en todo momento dispensan al Grupo Esperantista de Sabadell; agradecimiento que la Directiva de la Federación Española de Esperanto desea manifestar públicamente con motivo del acto

que se celebrará el día 10 de julio, a la vez que les felicita por el acuerdo de crear una sección de libros de Esperanto en la Biblioteca de dicha entidad.

Los libros de Esperanto regalados por la Federación fueron los siguientes:

SANGO KAJ SABLO (Blasco Ibáñez, tr. R. Salas).

LA MALPRUDENTA SCIVOLULO (Cervantes, tr. L. Hernández).

ETERNECO —Navarra Legendo— (Amalia Núñez).

HECHOS FUNDAMENTALES... Doc, CED/7 orig. en Esperanto (Dr. Lapenna tr. N. L. Escartín).

BOLETIN, que se envía regularmente, a lo que nos hemos visto gratamente correspondidos con el envío de lista-catálogo de la Biblioteca y demás publicaciones con motivo de diversos actos celebrados por la Obra Cultural de la Caja de Ahorros de Sabadell.



# IOM PRI INFORMADO

80 jaroj pasis de kiam aperis la Unua Libro pri la Internacia Lingvo de Dro. Esperanto en la rusa lingvo.

Multe ni atingis dum tiuj 80 jaroj, sed multe, multege mankas ankoraŭ kaj ni devas scii ke nur pere de ĝusta kaj serioza informado ni povos sukcesi; por tio estas tre interesa ke ni ĉiuj bone konu la «Principaron de Frostavallen».

Ni aperigis ĝin en nia Kongreslibro —Palencia, 1965—, sed antaŭ la ĉiam kreskanta intereso vekita en nia lando pri Esperanto, ni rekomendas al ĉiuj ke ili legu denove kaj samtempe diskonigu la enhavon inter la novaj alvenintoj al nia movado.



# NOTICIA DE INTERES

Con sorpresa y satisfacción hemos recibido una muestra de lo que ha de ser la portada del nuevo Diccionario ESPAÑOL - ESPERANTO, ESPERANTO - ESPAÑOL, del que es autor el veterano esperantista barcelonés, señor Paluzie, a la vez que nos comunican aparecerá a la venta en todas las librerías, y naturalmente, en nuestro «LIBROSERVO», con motivo del 28 Congreso Español de Esperanto, atención que agradecemos de veras al autor y a la empresa editora.

El diccionario consta de 25.000 palabras y su precio es de 20 Ptas. en rústica.

Enhorabuena a todos los esperantistas de habla hispana.

Tokio, 5-5-67.

Karaj gesamideanoj:

Ni estas japanaj gelernantoj de alta lernejo, nomata Oojama Kooko, en Tokio. Ni nun eklernis Esperanton sub la gvido de s-ro F. Kido, sed tio ne estas oficiala leciono. Ni havas ĉirkaŭ dudek membrojn 15-18 aĝajn da komencantoj. Kun fremdaj multaj geknaboj aŭ lernejoj ni forte deziras interŝanĝi sonbendojn, desegnaĵojn, fotojn, gazetojn kaj aliajn. Se vi konas iujn geknabojn aŭ la lernejojn, en kiu Esperanto estas instruata, bonvole prezentu nian deziron al tiuj.

En la venonta aŭtuno ni intencas ekspozicii Esperantaĵojn en nia lernejo. Tiam ni volas prezenti la utilecon de Esp.-an agadon de fremdaj lernejoj. Se ni povos ricevi la sonbendojn, kiu estas registritaj Esp.-a parolado de geknaboj aŭ muziko kaj kantoj, aŭ la fotojn, kiuj prezentas la vivon de gelernantoj en la lernejo, aŭ aliajn interesaĵojn pri via vivo, ni estos tre feliĉaj. Al la lernejoj aŭ la personoj, kiuj sendos tiujn al ni, ni ankaŭ sendos al ili niajn sonbendojn aŭ fotojn aŭ aliajn laŭ iliaj deziroj.

La adreso de nia lernejo estas; Esperanto Klubo de Oojama Kooko, Komone 5-18-I, Itabasi, Tokio, JAPANUJO.

Ni atendas vian afablecon kaj respondon.

tute via ESPERANTO KLUBO DE OOJAMA KOOKO

---

*S-ro René LLECH-WALTER, Honora Prezidanto de Unuiĝo Franca por Esperanto*

Post la laborkunsido de la 59-a Franca Kongreso de Esperanto, S-ro Jacques VENDROUX, Deputito-Urbestro de Calais —dum oficiala akcepto en la urbdomo— oferdonis al S-ro René Llech-Walter la oran medalon de la urbo Calais por honoro al lia 10-jara nacia prezidanteco.

---

Mi kolektas kolorajn diapositivojn el Hispanujo 36 x 24 mm., kolorajn bildkartojn. Mi povas sendi la samojn el Ĉekoslovakujo aŭ poŝtmarkojn, unutagajn kovertojn, aŭ aliajn objektojn, laŭ la peto. Bonvolu skribi al s-anino: Vlasta Obručová. Čajkovského 52. OLOMOUC 5 (Checoslovaquia).

## KORRESPONDA SERVO MONDSKALA

Estas multaj eksterlandaj esperantistoj, kiuj deziras akiri letergeamikojn en Hispanujo. En BOLETIN ni aperigas ĉiam kiam estas spaco anoncetojn, kiujn ni ricevas sed por faciligi la interkorespondado, estus dezirinde ke ĉiu hispana esperantisto, kiu deziras letergeamikojn, sin aliĝu al Koresponda Servo de U.E.A. La aliĝo estas senpaga kaj tiamaniere vi helpos la laboron de la gvidantino de la servo, F-ino C. Hueter, 12 rue des Jacobins, 63-Clermont-Fd (PdD) Francujo.

Sur paĝo 105 de Jarlibro de U.E.A. vi povos legi indikojn pri la Servo.

## IV-a Internacia Pedagogía Esperanto-Seminario

okazonta en SZEGED (Hungario)
de la 10-a ĝis la 20-a de aŭgusto 1967

*Konstanta adreso*:

Pedagoga Grupo de HEA
SZEGED - Hungario
Aprilis 4 útja 1

## III Internacia Esperantista Ferio

okazonta en MIEDZYGORZE - Pollando
de la 20-IX ĝis la 3-X, 1967

*Adreso*:

Pola Esperanto Asocio, Okcidenta Regiono
WROCLAW - 17, str. Dubois 3 - Pollando

## La Esperantista Kulturdomo - Kastelo Gresillon

1 9 6 7

UNUA PERIODO

SEMINARIO
organizita de I.O.E. sub la gvidado de T. Sekelj de la 2a ĝis la 23a julio

DUA PERIODO

INTERNACIAJ TURISMAJ KAJ KULTURAJ FERIOJ
organizita de E.K.D. kaj I.E.K.A. de la 23a-7 ĝis la 6a-8

TRIA PERIODO

NIAJ KULTURAJ ESPERANTISTAJ SEMAJNOJ
de la 6a ĝis la 27a aŭgusto

KVARA PERIODO

STUDPERIODO ORGANIZITA DE U.F.E.
Supera kaj praktika kursoj de la 27a-8 ĝis la 10a-9

Esperantista Kulturdomo, Kastelo Gresillon, 49 — BAUGÉ Francujo

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63